1 2 -01- 1995

1/95

# Internacia Ĵurnalisto

organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# Kaj ankoraŭfoje jen tute nova vizaĝo

## Avantaĝoj kaj problemoj de kompost-programoj

Post refondo de l' asocio nia fakrevuo ricevis novan tipografian aspekton kaj poste, en 1993, ni ankoraŭfoje modifis ĝian vizaĝon. Kaj jen denove vi trovas alian aspekton de *Internacia Ĵurnalisto,* nun kun drastaj ŝanĝoj.

Kial? Pro argumento sufiĉe banala kaj tamen grava por nia asocio: ni tiel povas ŝpari konsiderinde, kvankam jen kaj jen koste al bona legebleco. Ni uzas alian kompost- kaj enpaĝig-programon de l' disponebla ATARI-komputilo. La antaŭe uzita *Signum* ne disponas pri tiom da grafikaj eblecoj kaj precipe ne multe taŭgas por enpaĝigo. Nun ni povas liveri al la presejo komplete prespretajn paĝojn; antaŭe oni devis munti (glui) la diversajn artikolojn mane - temporaba kaj do kosta laboro.

La nun uzatan programon *Calamus* TEĴA ne povus aĉeti, ĉar ĝi estas relative kosta. Ni profitis de la fakto, ke via prezidanto/redaktoro fariĝis prezidanto de FAME-fondaĵo, kiu disponas pri *Calamus.*

Mi ne volas tedi vin per rakontoj pri la multaj problemoj, kiujn mi havis por kompreni kaj manipuli tiun ĉi komplikan programon; ĉiu el vi, kiu redaktas komputile, povas mem ekscese lamenti pri tio. Sed kio vere ĉagrenas min, estas la fakto, ke evidente neniun el tiuj diversaj kompostprogramoj ellaboris veraj fakuloj, do kompostistoj kaj tipografoj. En priskribo kaj instrukcioj de l' programo oni fanfaronas pri ĝiaj enormaj kapabloj kaj kvalitoj. Fakto tamen estas, ke ne nur mankas terure multaj en tipografio necesaj signoj, sed ke ankaŭ la disponeblaj tipoj kaj signoj ofte estas nur komplike aplikeblaj.

Plej terure estas, ke la skriboj estas neniel presartaj! Kontrolu la tekstojn kaj vi konstatos, ke tre ofte literoj gluiĝas unu al alia, ke ekzemple la dupunkto sidas preskaŭ sur la antaŭa litero ktp.

Sed ne kredu, ke tio troviĝas nur en tiaj simplaj programoj. Kiam antaŭ kelkaj jaroj la ĵurnalo, en kiu mi redaktoras profesie, *Augsburger Allgemeine,* aĉetis novan tipografian programon usonan, oni trovis multajn mankojn kaj fuŝojn. Daŭris monatojn, ĝis la propraj programistoj sukcesis ripari la plej terurajn el ili. Kaj ĝis nun restas makuloj, kiel montras la suba ekzemplo.

Stefan MAUL

**Hoffnung auf Wende am Arbeitsmarkt stei**

*Profesia programo kun fuŝoj: literkombinaĵoj* ffn *kaj* ts *kungluitaj, litero* i *en dua linio sidas tro proksime de supra litero* g.

## ENHAVO

KOLOFONO

*Internacia Ĵurnalisto*

Organo de

Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

aperas 4foje jare

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio, ☎/fakso (49)821/520385

Redaktofino de tiu ĉi numero: 3 jan 95

Kopirajto ĉe Internacia Ĵurnalisto

Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.

Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio

Verantwoordelijke uitgever:

Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Presata de Flandra Esperanto-Ligo sur mediprotekta papero.

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio

Vicprezidanto: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio

Vicprezidanto: Aleksander KORĴENKOV, p. k. 162, RUS-620014 Jekaterinburg - 14, Ruslando

Ĝenerala Sekretario: Evgeni GEORGIEV, Baĉo Kiro 35/II, BG-1202 Sofia, Bulgario

Kasisto: Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Citadella (PD), Italio

Estraranoj:

Davor GRGAT, Stepinĉeva 29, HR-58000 Split, Kroatio

Lech KOSIENIAK, ul. Piekna 16 b/9, PL00539 Warszawa, Pollando

ARBITRACIO KOMISIONO:

István ERTL, Andreo PETTYN, László SZILVASI

LABORKOMISIONO pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro P. Gubbins (adreso supre)

LANDAJ SEKCIOJ:

Bulgara TEĴA-sekcio: Mariana EVLOGIEVA, PK 18, Drushba-2, BG-1582 Sofia

Pola TEĴA-sekcio: adreso de estrarano Kosieniak

Ruslanda TEĴA-sekcio: Irina KIRINA, pk. 1833, RUS-625048 Tjumenj-48

Membrokotizo: 30.00 germanaj markoj aŭ 21 usonaj dolaroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f

# Oficialaj informoj de la TEĴA-estraro

• **Ĉu vi jam pagis vian kotizon?** Ni memorigas, ke membroj laŭ la reglamento devas pagi kotizon por 1995 plej malfrue ĝis fino de februaro. Kaj ni atentigas, ke membrecon de tiuj, kiuj dum du jaroj ne pagis kotizojn, ni rajtas nuligi. Kotizojn kaj kontojn vi trovas sube en la kolofono; pri pagmanieroj al Flandra E-Ligo vidu en IĴ 4/94 p. 2.

• **Subvencio de FAME-fondĵo.** TEĴA dankas al tiu ĉi fondaĵo pro disponigo de 1000 germanaj markoj da subvencio en 1995 por la kurso por trejni ĵurnalistojn.

• **Trejnad-kurso marŝas.** Pli ol 20 personoj partoprenas jam la trejnkurson por ĵurnalistoj, kiun gvidas Paŭlo Gubbins. Ĉar ni ne kalkulis pri tiom multaj, nun mankas reviziantoj. Tial

• **ni serĉas spertajn ĵurnalistojn**, kiuj pretas revizii, kontroli kaj prijuĝi taskojn de kursanoj. TEĴA repagas al ili elspezojn por afranko, sed ne povas rekompenci per honorario. Bonvolu anonci vin ĉe vicprezidanto Gubbins (adreso apude en la kolofono).

• **Membrokunveno 1995.** Dum la Universala Kongreso (22 - 29 jul 95) en Tampereo okazos nia membrokunveno, kun elektoj de l' estraro. Invito kaj tagordo aperos en la venonta numero de IĴ.

• **Novaj membroj.** Britio: BOOTHMAN s-rino Sheila J., Ellerwood, 6 Fairview, Kirkby Londsdale, Cumbria LA6 2HF. Danio: HJORTH s-ro Ejnar, Christiansgade 38, DK-9000 Aalborg. Germanio: STEPHAN s-ro Frank, Stephaniestr. 9, D- 76133 Karlsruhe. Irano: TORABI s-ro M. Reza, P. O. Kesto 17765-184, Tehran-17.

Eksiĝis: MacKay s-ro Girvan, Irlando.

☆☆☆☆☆

Ĉu vi havas interesan novaĵon, kiu povas interesi viajn gekolegojn? Ĉu vi havas spertojn en verkado kaj redaktado, el kiuj povas profiti ankaŭ aliaj? Ĉu en via lando okazas interesa evoluo en la kampo de amaskomunikiloj, gazetaro, televido?

**La redaktoro de *Internacia Ĵurnalisto* bezonas materialon kaj atendas viajn artikolojn! Kontribuu al via fakrevuo!**

# La plej bonaj kaj belaj

## Kiel redaktoroj juĝas pri la produktoj de aliaj

**Por la unua fojo okazis enketo pri ĉiuj reale ekzistantaj Esperanto-gazetoj - ĝis nun ja kutime nur unuopaj revuoj enketis pri l' propra periodaĵo inter siaj legantoj. Sed nun, danke al propono kaj helpo de *Eventoj*, TEĴA provis esplori la opiniojn de fakuloj, redaktoroj de Esperanto-gazetoj, pri ĝuste tiu ĉi gazetaro. Por tuj iom redukti viajn atendojn pri la rezultoj: la eksperimento sukcesis nur parte.**

Kion ni faris? Laŭ instigo de László Szilvási, eldonanto kaj redaktoro de *Eventoj*, ni pretigis enketilon, kiun la gazeto dissendis en n-ro 64 de 1994, do en aŭtuno de l' pasinta jaro. Per la „Enketo pri plej popularaj gazetoj" ni alparolis speciale redaktantojn, supozante ke ili havas plej bonan superrigardon, ricevante ja interŝanĝe tre multajn Esperanto-gazetojn. Limdato por resendo de plenigita enketilo estis 31a de decembro 1994; ĝis tiu dato alvenis 22 (uzeblaj) enketiloj. Ricevis ilin iom pli ol 80 redaktantoj, do la resendoproporcio ne estas grandioza, tamen kontentiga.

Ni donis 4 kategoriojn de gazetoj:

- primovadaj internaciaj,
- primovadaj naciaj (landaj),
- nemovadaj,
- fak-revuoj.

En ĉiu kategorio oni povis indiki nur unu gazet-titolon kiel plej bonan. La plenigantoj devis atribui al elektita gazeto poentojn pri

- enhavo,
- lingva nivelo kaj
- grafika aranĝo.

La aljuĝeblaj poentoj estis 1 ĝis 10 (plej bona) en ĉiu el tiuj ĉi tri karakterizoj, do gazeto povis akumuli maksimume 30 poentojn sur unu enketilo. Krome redaktoroj ne rajtis indiki sian propran gazeton, kaj la enketo ne estis anonima, por garantii ke efektive partoprenas nur redaktantoj; ili devis subskribi kun indiko de l' koncerna gazeto.

### Kategorioj nekontentigaj

Pluraj redaktoroj plendis en akompanaj leteroj, ke la de ni elektitaj kategorioj ne estas tute taŭgaj kaj kontentigaj. István Ertl, redaktoro de *esperanto* de UEA, ekzemple notis: „Kelkaj periodaĵoj, ja bonnivelaj, malfacile eniras unu el la 4 kategorioj. Aliflanke, la kategorioj kunigas tre diversajn gazetojn: EPĈ kaj LF ekz. estas same »nemovadaj«, kun grajno da movadeco. Mi volonte aldonus la kategorion de LOKAJ GAZETOJ kaj voĉdonus tie 1. LA ETA GAZETO, 2. Debrecena Bulteno."

Skrupulojn havis ankaŭ Ĵak le Puil, redaktoro de *La KancerKliniko*: „Fakte 'stas ne tre facile taŭge respondi – ekzemple, Kontakto senkonteste estas la plej alloga laŭ grafika aranĝo – El Popola Ĉinio ja valoras ... sed ĉu ĝi povas »ludi en sama kategorio«, pro financaj rimedoj, kiel Brita Esperantisto, ekzemple?"

A. M. Ritamäki, redaktorino de *La Skolta Mondo*, opinias ke elekto estas malfacila precipe rilate primovadajn naciajn kaj fakrevuojn: „Unue, mi ne konas ĉiujn. Due, ekzistas multe pli granda kvanto da kandidatoj, ekz. fakrevuoj kompareble bonaj: Rokgazet', Monda Kunagado, Eŭska Kverko, El Popola Ĉinio (landa?), Oomoto, Literatura Foiro."

### Kun entuziasmo...

Kiel ajn problema ĝi estas, tamen tre multaj respondintoj aprezas la eksperimenton (tiuj, kiuj ne aprezas ĝin, supozeble ankaŭ ne partoprenis). Tiel skribas Jozef Truong, redaktoro de *Ktp!*, organo de Usona Esperantista Junularo: „Kun entuziasmo mi sendas la enketilon ... Mi devas gratuli vian asocion pro organizi tian gravan eventon. Delonge mi opinias, ke ni bezonas iel laŭdi la redaktorojn tutmonde, kiuj laboras tiom eldoni altkvalitajn kaj allogajn gazetojn." Sed ankaŭ li plendas: „Ja estas sufiĉe malfacile elekti nur kvar gazetojn, ĉar ĉiu gazeto havas kaj bonajn kaj malbonajn erojn. Mi proponas, ke estu kategorio pri junularaj gazetoj. La junulara gazeta kategorio estus aparte interesa, ĉar tiuj gazetoj ofte prezentas novajn kaj unikajn ideojn en la movado. Ankaŭ, la redaktoroj de tiuj gazetoj kutime estas »novuloj« kaj povus profiti tre multe el tia enketo."

### Nur tendencoj

Ni do devas koncedi, ke tiu ĉi unua provo eltrovi, kiuj gazetoj estas la plej bonaj, maksimume povas montri tendencojn, sed ke la rezulto ne povas arogi objektivan kaj kompletan bildon. Tro arbitraj, hazardaj kaj nekontentigaj estas kaj premisoj kun elektitaj kriterioj kaj respondoj de tiu ĉi enketo. Ni do kun hezito publikigas la rezulton kaj atentigas, ke la bazo de la statistikoj estas tre mallarĝa kaj necerta, ĉiuokaze ne scienca.

Tamen, sub tiu ĉi malpretendo vi sendube kun intereso legos kaj komparos la rezultojn de l' enketo, kiun ni ekspluatis laŭ diversaj manieroj. Eble vi emas komuniki gravajn elementojn ankaŭ al legantoj de via gazeto.

Stefan MAUL

---

**Nombro de enketiloj: 22**

Kiel plej bonaj estas indikitaj, tiom da fojoj (en krampoj poentosumo):

**Primovadaj internaciaj gazetoj**

esperanto de UEA: 14 (354)

Heroldo de Esperanto: 4 (108,7)

Eventoj: 4 (109)

**Primovadaj landaj gazetoj:**

Brita Esperantisto: 4 (99,3)

Esperanto aktuell (D): 3 (64)

Franca Esperantisto: 2 (50)

GEJ-Gazeto: 2 (52)

**Nemovadaj gazetoj:**

Monato: 11 (287,5)

Literatura Foiro: 4 (vidu sube!)

El Popola Ĉinio: 3 (78)

Kontakto: 2 (vidu sube!)

**Fakrevuoj:**

Literatura Foiro: 3 (plus 4 = 7, poentosumo 189,1); Internacia Pedagogia Revuo: 2 (53); Juna Amiko: 2 (48)

**La rekorduloj:**

**30 poentojn gajnis**

esperanto de UEA (2 fojojn), Eventoj, Internacia Pedagogia Revuo, Kontakto, Literatura Foiro, Monato

**10 poentojn gajnis**

**enhavo: 2 indikoj:** esperanto, Heroldo de Esperanto, Monato; **1 indiko:** Asistilo, Etnismo, Eventoj, Internacia Pedagogia Revuo, Juna Amiko, Kontakto, Literatura Foiro, Scienca Revuo

**lingva nivelo:** esperanto (7 indikoj), Monato (3), El Popola Ĉinio (2), Literatura Foiro (2), Brita Esperantisto, Etnismo, Eventoj, Franca Esperantisto, Heroldo de Esperanto, Internacia Fervojisto, Internacia Pedagogia Revuo, Juna Amiko, Kontakto, Norvega Esperantisto, Scienca Revuo, VerDire.

**grafika aranĝo:** esperanto (4 indikoj), Kontakto (2), Literatura Foiro (2), Monato (2) El Popola Ĉinio, Espero el Koreio, Eventoj, Heroldo de Esperanto, Hungara Fervojisto, Internacia Pedagogia Revuo, Ukraina Stelo.

**Detala statistiko**

Averaĝaj poentoj de ĉiuj gazetoj (en alfabeta ordo) laŭ enhavo / lingva nivelo / grafika aranĝo / kompletaj poentoj:

Asistilo 10 / 7 / 5 / 22

Brazila Heroldo 9 / 8 / 8 / 25

Brita Esp. 8,12 / 9,45 / 7,25 / 24,8

Bulgara Esp. 8 / 8 / 6 / 22

Dia Regno 7 / 9 / 8 / 24

Dio Benu 9 / 7 / 7 / 23

El Popola Ĉinio 7 / 9,3 / 9,6 / 26

esperanto 8,1 / 9,2 / 7,3 / 26,1

Esperanto aktuell 7,3/6,6/7,3/21,3

Espero el Koreio 9 / 9 / 10 / 28

Etnismo 10 / 10 / 7 / 27

Eŭska Kverko 9 / 8 / 9 / 26

Eventoj 9,3 / 9,3 / 9 / 27,3

Fonto 6 / 9 / 8 / 23

Franca Esperantisto 9 / 9 / 7 /25

GEJ-Gazeto 9,5 / 8 / 8,5 / 26

Heroldo de E. 9,5 / 8,7 / 8,6 / 27,2

Hungara Fervojisto 8 / 8 / 10 / 28

Internacia Fervojisto 10 / 10 / 7 / 27

Intern. Pedagogia R. 9,5/9/8/26,5

Juna Amiko 9,5 / 9 / 5,5 / 24

Kontakto 9 / 9,3 / 9,6 / 28

La KancerKliniko 8 / 8 / / 5 / 21

Literatura Foiro 8,8 / 8,9 / 9,2 / 27

Monato 8,7 / 8,8 / 8,6 / 26

Norvega Esperantisto 7 /10 / 7 / 24

Rok-Gazet' 7 / 6 / 8 / 21

SAT-Amikaro 8 / 8 / 5 / 21

Scienca Revuo 10 / 10 / 5 / 25

Speciala Cirkulero 9 / 10 / 8 / 27

Tejo Tutmonde 9 / 9 / 9 / 27

Tutm. Scienco k. Tekniko 8/8/8/24

Ukraina Stelo 10 / 9 / 10 / 29

VerDire 8 / 10 / 9 / 27

Cetere: *Internacia Ĵurnalisto* trovis nenian mencion. Kion konkludi el tia fiasko de l' propra fakrevuo?

**ĴURNALISTIKO**

# Restu, tajloro, ĉe via laboro!

## aŭ kiel detrui reputacion de ĵurnalistoj

**Fundamenta ĵurnalista principo estas, skribi nur pri temo, pri kiu oni estas kompetenta, aŭ - la pli ofta okazo - informiĝi detale, se oni scias tro malmulte pri traktota temo. Ke ne malmultaj ĵurnalistoj malatentas tiun ĉi princpon, jen unu el la kialoj de malbona reputacio de ĵurnalistoj. Sed kion pensi, kiam pekas kontraŭ tia fundamenta principo eĉ estro de ĵurnalista lernejo?**

Wolf Schneider [Volf Ŝnajder] estas relative bone konata estro de tia instituto en Germanio, Hamburger Journalistenschule (Hamburga Ĵurnalista Lernejo), kiu havas ĝenerale bonan reputacion, ja estas unu el la prestiĝaj pro multjara tradicio. Schneider krome estas konstanta kunlaboranto de (ankaŭ) prestiĝa suplemento de germanlingva *Neue Zürcher Zeitung* (NZZ – Nova Zurika Gazeto) en Svislando, *NZZ FOLIO*, aperanta unu fojon monate.

**Nekrologo pri Esperanto**

En ĝi aperis la 3an de oktobro 1994 eseo lia „Nachruf aufs Esperanto" (Nekrologo pri Esperanto), en kiu Schneider (nomo, kiu signifas „tajloro") rezonis pri „mondhelplingvoj" ĝenerale kaj Esperanto aparte. S-ro Tajloro en tiu ĉi artikolo tajloris absolute fuŝan vestaĵon, tiel ke oni vere povas apliki al li la proverbon „Restu, tajloro, ĉe via laboro!" Nora Caragea, kiu kiel unua sendis al mi fotokopion de tiu ĉi artikolo, komentis ĝin jene: „Verŝajne neniam antaŭe mi legis ion pli stultan pri Esperanto ol tiun ĉi artikolon. Se la aŭtoro efektive estas estro de ĵurnalista lernejo - terura afero!"

**„Eraroj kaj mensogoj"**

Ne malpli akraj estis la vortoj de Andy Künzli, kiu en oficala protestletero al la redakcio de *NZZ FOLIO* skribis pri „malbona lernant-artikolo de malkompetenta ĵurnalisto ... kiu enmondigas erarojn kaj mensogojn pri Esperanto", kaj Künzli avertas, ke oni en okazo de bezono per helpo de tribunalo postulos reĝustigon. Krome Künzli konkludas: „Kiel estro de la Hamburga Ĵurnalista Lernejo la aŭtoro de la cetere komplete senvalora artikolo estus bone konsilita, se li provizus sin per dokumentoj pri la objekto..."

**Grava riproĉo**

Jen do la plej grava riproĉo: kiel evidentigas asertoj kaj prezento de ŝajnfaktoj kaj pseŭdaj argumentoj, la aŭtoro eble disponas pri iu lernolibro de Esperanto, sed neniel informiĝis pri la aktuala stato de l' Es-

peranto-kulturo. Estus tede, referi ĉi-loke la stultaĵojn skribitajn, ĉar tiajn ni konas ankaŭ el aliaj similaj fuŝartikoloj pri la lingvo internacia. Sed ke jen renoma germana ĵurnalisto, kun persona aplombo, povas publikigi tiajn absurdaĵojn en renoma svisa magazino, tio estas la vera ĵurnalisma skandalo!

**El kiu fonto?**

Certe, ja estas eseo, laŭdifine „literatura verko, en kiu la aŭtoro sub sia nomo traktas malpli funde ol elegante sian temon" *(Manlibro pri Ĵurnalismo*, p. 23). Tamen, ankaŭ en eseo aŭtoro devas respekti faktojn kaj ne rajtas disvastigi malrealaĵojn. Aparte tio devas validi, kompreneble, por kolego, kiu edukas ĵurnalistojn.

En mia letero al Schneider mi riproĉas al li, ke estas „klare ekkoneble, ke vi ne klopodis amplekse informiĝi" kaj daŭrigas: „Al niaj staĝanoj en *Augsburger Allgemeine* ni insiste instrukcias: se vi scias pri la temo nenion aŭ tro malmulte, reserĉu, reserĉu, reserĉu ĝis vi scias trioble tiom, kiom vi volas skribi." Listigante kelkajn liajn plej krudajn fuŝaĵojn, mi ĉiam enkondukas refuton per la demando: „El kiu fonto vi scias tion?" Por ke li povu informiĝi pli bone, mi sendis al li la kompendieton pri Esperanto, eldonitan de TEĴA en germana lingvo.

**Nur bedaŭro**

Nu, mi ne atendis reagon al mia letero, kaj efektive ĝis la momento, en kiu mi skribas tiujn ĉi liniojn, ne venis respondo de li.

Nur de la redakcio de *NZZ FOLIO*, al kiu mi sendis informcele kopion de mia letero al Schneider, venis cirkulero sendita evidente al ĉiuj, kiuj reagis je la artikolo. La redaktoro informas, ke oni presigis kelkajn leterojn, kaj li atentigas, ke Schneider estas libera trovi Esperanton bona aŭ superflua. Tamen oni bedaŭras la faktajn erarojn kaj asertas, ke tion oni prezentis per aperigo de la leteroj. Fino bona, ĉio bona? Ni rajtas dubi.

Stefan MAUL

**USONO**

# Dek plendoj de elstara ĵurnalisto

**Dum kongreso de Internacia Federacio de Ĵurnal-Eldonejoj en Vieno fine de majo 1994, Peter Kann, prezidanto de komunikadgrupo de Dow Jones kaj eldonisto de *Wall Street Journal*, traktis kelkajn problemojn de usonaj gazetaro kaj televido:**

1. Estas konfuzo inter ĵurnalismo kaj spektaklo. La ĵurnalismo, kiu havigas tre grandan prioritaton al la spektaklo, naskas misinformadon kaj trompon. La spektaklo, kiu aspektas kiel informado, estas pli danĝera ĉar ĝi malbonfamigas la veran ĵurnalismon.

2. Estas konfuzo inter informado kaj komentado. En Usono, pli ol en aliaj socioj, estis tamen neta distingo, sed nuntempe ĝi tre ofte malaperas.

3. Ekzistas problemoj ligitaj kun amas-ĵurnalismo. Tro ofte ni vidas bandaĉon, kiu postkuras predon.

4. Tro malmultaj usonaj amaskomunikiloj strebas pritrakti serioze la mondon ekster la landlimoj, kiu estas kliŝe prezentata.

5. La usonaj amas-komunikiloj inklinas al troiga pesimismo.

6. En rilato kun tiu pesimismo, estas kreskanta fascinado de la amas-komunikiloj por strangeco, perverseco kaj patologieco. Ekzemple oni vidas ĉe televido kaj en populara gazetaro jenajn temojn: „Trikapaj infanoj" aŭ „Kiel ĝui inceston. Ne temas pri tio, kontraŭstarigi noblajn informojn kaj aliajn, sed demandi sin, ĉu vere temas pri informado.

7. Ni estu pli singardaj pri sociaj ortodoksecoj – la „politika ĝusteco". La ĵurnalismo devus superi kliŝojn kaj simpligon. La politikaj respondeculoj kaj la premgrupoj iĝis lertaj por nutri kaj manipuli la amas-komunikilaron.

8. Estas perturba ondo de puritanismo en la usona gazetaro. Ne estas la rolo de amaskomunikiloj iĝi morala juĝanto de nia socio.

9. Tro malmultaj eventoj sukcesas longtempe kapti intereson de amaskomunikiloj kaj publiko. Estas tro da momentaj famecoj, tro da „krizoj" kiuj daŭras maksimume du tagojn.

10. La gazetaro estas grava kaj potenca institucio. La respondeco estu samranga kun la povo, aŭ almenaŭ laŭ la influo.

Laŭ franca ĵurnalo *Le Monde* esperantigis

Germain PIRLOT

Noto: Peter Kann estis militkorespondanto dum la milito en Vjetnamio. En 1972 li ricevis Pulitzer-Premion, la plej altan distingaĵon de usona ĵurnalismo, pro raportado pri la hindi-pakistana milito de 1971

**GERMANIO**

# Rajto je reĝustigo pli rigora

**La rajto je reĝustigo en Germanio estas fiksita per leĝoj, sed precipe grandaj eldonejoj ofte per diversaj trukoj sukcesas foje preskaŭ senvalorigi ĝin. Antaŭ nelonge tamen la plej alta juĝejo faris tiun ĉi rajton eĉ pli rigora - en la okazo de eminentuloj.**

En multaj revuoj de l' tipo *flava gazetaro* kompreneble eminentaj personoj ĉiuspecaj ĉiam estas gravaj objektoj de klaĉo, precipe virinaj. Kutime ili post plurfoja malsukceso rezignacias, kiam spite al rajto je reĝustigo potencaj eldonejoj kun lertaj, trukospertaj advokatoj trenas ilin en multjarajn procesojn, tiel ke fine - se efektive aperus reĝustigo - la publiko jam forgesis la originan falsraporton.

**Kuraĝa princidino**

Ne tiel agis princidino Caroline [Karolin] de Monako. Jam en 1992 ŝi sukcesis, ke juĝejo konfirmis ŝian rajton je reĝustigo sur - kaj tio estis sensacio en Germanio - la

frontpaĝo de *Freizeit-Revue* (Libertemp-Revuo). Tio kuraĝis ŝin, ankaŭ procesi kontraŭ du aliaj revuoj, ĉi-foje ĝis la lasta instanco! Kaj jen, la federacia konstitucia tribunalo efektive ne nur konfirmis ŝian rajton de reĝustigoj sur la frontpaĝoj de l' koncernaj revuoj, sed eĉ plialtigis la sumon de dolorkompensa punpago (30 000 germanaj markoj).

En ĉiuj okazoj la tielnomataj ĵurnalistoj simple inventis citaĵojn, foje eĉ kompletan intervjuon! La juĝistoj decidis, ke la antaŭa instanco devas denove trakti la dolorkompensan pagon kaj ĉe tio prikonsideri ankaŭ la pli altan eldonkvanton de l' koncernaj numeroj, atingitan ĝuste pro tiuj klaĉoj pri la princidino. La konstitucia tribunalo esprimis esperon, ke estonte la gazetaro estos pli konscia pri la rajtoj de eminentuloj, sub la minaco de draste pli altaj monpunoj. La eldonejo Burda, en kiu krom la du kondamnitaj kaj pluraj similaj revuoj aperas ankaŭ inform-magazino *Focus* (vidu IĴ 3/93 kaj 3/94), lamentis ke la juĝo limigos raportadon de ĉiuj komunikiloj; de ĉiuj? - nur de neseriozaj.

Tamen, ekzistas tendencoj en Germanio al pli rigora reĝustigo. Ekzemple Sarlando plistriktigis la gazetarajn leĝojn en tiuj punktoj. Ties ministroprezidanto Lafontaine [Lafonten] suferis mem pro klaĉoj pri privata engaĝiĝo en dubinda kaj parte krimula medio.

**Princlanda intereso**

Kial Caroline tiom insistadis? Certe ne pro la mono - ŝi havas sufiĉe da. Kaj tamen mono sendube estis unu el la motivoj, sed pro alia kialo. Unu el plej gravaj enspezofontoj de l' princlando Monako estas turismo. Miloj kaj miloj da vizitantoj ŝatas la brile puran landeton, kaj pura devas esti pro tio ankaŭ la reganta familio Grimaldi. Do oni ne toleras falsajn raportojn, nek pri implikoj en mafio nek pri onidiraj edziniĝoj...

Cetere, la alta protektanto de Monako, franca ŝtatprezidanto Mitterrand [Mitera] re(a)gas komplete alimaniere: li neniam procesas kontraŭ gazeto. sm

**BOSNIO**

## Furora libro de usona ĵurnalisto

*El disaŭdigo de radio „Esperanto el Sarajevo" ni citas, ellasante kelkajn fragmentojn:*

„La atestanto de genocido" estas furora libro de usona ĵurnalisto Roy Gatman [Roj Getmen], gajninto de la prestiĝa Pullitzer-premio [Pulicer] en 1993. S-ro Gatman meritas grandparte pro malkovro de koncentrejoj de la morto en la de serboj okupitaj teritorioj de Bosnio. La libron, kiu jam aperis krom en angla en sveda, germana, finna kaj bosna lingvoj, por nia elsendo recenzis s-ro Alija Nuhbegoviĉ, ĵurnalisto:

Rapide traflugis la mondon sensacia novaĵo, ke en Bosnio ekzistas koncentrejoj de la morto. En somero 1992 usona ĵurnalisto Roy Gatman al sia gazeto Newsday [Njusdej, Tagnovaĵoj] sendis sian unuan raportistan noton pri teruraj krimoj farataj en Bosnio. La unua raporto titolis „Koncentrejoj de la morto en Bosnio".

**Intensiva serĉado**

Tiel tiu ĉi usona ĵurnalisto movis la publikon lukti kontraŭ reapero de faŝismo en Eŭropo. Post jaro kaj duono de intensiva serĉado de atestantoj de la krimagoj, Gatman publikigis libron en kiu li malgaje konstatas ke la mondo, la evoluinta mondo de la Okcidento, ne komprenis ĝustamaniere la reaperon de la malbono. Li eĉ asertas ke la pasiveco de oficialuloj kaj altaj institucioj pruvas, ke ĉiuj ili estus feliĉaj, se tiu vero ne estus malkaŝita.

La serba agresinto, siaflanke, klopodis ĉiamaniere kaŝi antaŭ la monda publiko krimagojn faritajn kontraŭ muzulmanoj kaj kroatoj, precipe kruelegajn kontraŭ bosnoj-muzulmanoj.

[ ... ]

Helpe de atestantoj, Gatman konfirmis ke en Bosnio estis fonditaj pluraj koncentrejoj kun la celo detrui bosnojn kaj kroatojn. [ ... ] Plurajn deklarojn de malfeliĉigitaj viroj kaj virinoj notis en sia libro Gatman. Sed, per aparta persistemo li serĉis ideajn iniciatintojn de la genocido. Kaj li proponis plurajn pruvojn. La internacia kortumo pri militaj krimoj ... venigos sur la punobenkon la senperajn krim-ekzekutintojn, sed ne povos ĉirkaŭiri ankaŭ tiujn, kiuj ĉion projektis kaj ordonis la plenumon.

**MERKATIKO**

## Televidantojn esplori ĝisfunde

**Nurenbergo/Germanio. - Ne plu sufiĉas, ŝajne, la nunaj enketoj kaj esploroj pri kutimoj de televid-spektantoj. Reklam-agentejoj volas scii ne nur aĝojn, seksojn kaj loĝlokojn, sed ĉiujn detalojn: informojn pri vivmaniero, prefero de produktoj, turismaj celoj aŭ nombro de kreditkartoj.**

Temas pri giganta monsumo. La investoj por televida reklamo 1993 en Germanio kreskis je 15 procentoj al 7,3 miliardoj da germanaj markoj, komunikas Bernward Frank, estro de l' komunikil-esploro de ZDF (2a publikjura televizio germana).

**Elektronika taglibro**

La Nurenberga GfK-televidesplorejo tial ekde 1996 volas instali en siaj ĉ. 5000 test-loĝejoj krome tielnomatajn elektronikajn taglibrojn. La aparato, kiu simila al polvosuĉileto, legas kod-indikojn de varpakumoj kaj enmemorigas ilin; prezojn kaj ceterajn informojn oni povas enskribi ankaŭ per klavaro. Unu fojon semajne tiel oni volas kontroli la aĉetkutimojn - ekz. ĉu la patro aĉetas sian bieron en najbara vendejo aŭ la patrino akiras siajn ŝminkojn en superbazaro ktp. La afero troviĝas ankoraŭ en testofazo. Ne jam estas klare, ĉu televidantoj kun elektronika taglibro spektas alimaniere ol sen ĝi.

GfK registras ekde 1985 la spektokutimojn de germanaj televidantoj, komisiite de Laborunuiĝo Televid-Esploro, en kiu membras krom la

publikjuraj (duonŝtataj) ankaŭ 4 grandaj privataj televizioj. Ĝis nun oni informiĝis pri konsumkutimoj de l' testpersonoj nur unu fojon jare. Nun oni strebas krome, kunigi la GfK-instituton kun aliaj grandaj konsum-esploristoj, por tiel eksciii laŭeble multajn detalojn pri kutimoj de televidantoj, kaj oni volas altigi la nombron de esploratoj al 15 000. (Laŭ lby/dpa)

ĴURNALISTA ETIKO

## Skizoj pri sarajeva vivo

Al malsentemo kaj nekomprenemo, kiun montris dum tri militaj jaroj mondaj politikistoj kaj vojaĝistoj, kiuj vizitadis nian urbon, koncerne suferojn de la bosnia-hercegovina popolo, aliĝis ankaŭ ĵurnalistoj. Post la reaktiviĝo de ĉetnikaj optik-pafistoj kaj refunkciigo de infanteriaj armiloj, en sarajevaj tramveturiloj kaj stratoj de la suferanta urbo, reaperis ankaŭ ilia deziro foti aŭ surbendigi la momenton de vundiĝo aŭ mortigo. Malgraŭ komprenemo por ilia profesio kaj deziro esti „ĝustatempe ĝustaloke", sarajevanoj observis kun malkaŝaj amaro kaj kolero spektaklon antaŭ la muzeoj, la spektaklon en kiu ĉefrolis vunditaj, sangon verŝantaj homoj kaj infanoj...

**Kiel kontraŭstari?**

Ĝis kiam ni estos nur parto de ilia spektaklo kaj ĉu ekzistas vojo kontraŭstari almenaŭ per aroganteco? Jen la respondo, pere de tri okazintaĵoj.

En la plenplena sarajeva tramo, juna raportistino provas foti homajn vizaĝojn konsternitajn per timo, ke serba optikpafisto pafos ĝuste sur ilin. Kvar junaj knabinoj, travivantaj sarajevajn ruletojn, te rapide ekkonsciis kion deziras foti juna virino, kaj kun la aroganteco ebla nur tiuaĝe, gaje ekridas. La raportistino, surprizita per la reago, ankaŭ kolera pro la neplenumita laboro, eltramiĝis.

La rakonto dua: Por alporti ujojn kun akvo hejmen, la amikino ĉiutage devas trakuri larĝan spacon apud la sola enurbe funkcianta hotelo. Ankaŭ tiuparte denove eĥas sonoj de optikpafistoj, kaj „bravaj" fotografistoj el hotelaj ĉambroj provas registri novajn sarajevajn viktimojn. Kvin tagojn unu post alia ili vane atendis ŝian falon kaj eblecon famiĝi per tia foto. La sesan tagon - ili ne aperis ĉe la fenestroj. La atendado ilin enuigis.

La tria rakonto: Juna franca ĵurnalisto, ĵus alveninta en Sarajevo, scias ĝuste kion li volas foti por siaj spektantoj; kompreneble, la mortoj unuas. Dum la kafoklaĉo en iu loĝejo, venis la novaĵo pri grava vundiĝo de dekunujara knabino. Sammomente, la juna homo ekkuris al loko de la evento, por fari „efektajn fotaĵojn". Li revenis post duonhoro, disreviĝinta dirante: „Ili ŝin forprenis antaŭ ol mi atingis tien kaj mi fotis nur la sangon sur la strato!"

**Kolero kaj furiozo**

Ĉiuj tri sarajevaj rakontoj estas notitaj ne por montri, kiaj „ni" kaj kiaj „ili" estas. Ili nur montras nian rajton koleri kaj furiozi, kaj denove starigi la demandon: Ĉu iu ajn respektas niajn vivojn kaj ĉu nia rido iun ĝojigas?

Borka Rudić, ĵurnalistino

*Disaŭdigita la 29an de septembro 1994 de radio-programo „Esperanto el Sarajevo".*

GERMANIO

## Nun *Tango* kundancas

**En Germanio daŭras konkurencado inter eldonejegoj sur la merkato de inform-magazinoj. Kiam eldonejo Burda sukcese lanĉis kontraŭ tradicia *Der Spiegel* sian *Focus* (IĴ raportis), alia grandega eldonejo Gruner + Jahr ne plu hezitis, realigi sian planon kaj en aŭtuno 1994 ĵetis sur la merkaton novan magazinon *Tango*.**

Ĉu ĝi povos ripeti la sukceson de *Fokuso*, tion oni ne jam povas diri, sed ĝis nun *Tango* brave kundancas. Ni iomete foliumis en ties numero de 8a de decembro 1994, 10 semajnojn post la starto. Kia ĝi estas?

De l' inform-magazinoj *Spegulo* kaj *Fokuso* ĝi diferencas ne nur pro alia aperotago – ĵaŭdo anstataŭ lundo – sed ankaŭ per la subtitola karakterizo: Info-Illustrierte. Germana faktermino Illustrierte estiĝis per ellaso de l' dua vorto de kompleta Illustrierte Zeitschrift (ilustrita revuo). Evidente *Tango* volas tiel emfazi, ke ĝi estas pli ilustrita ol la konkurencaj magazinoj, sed unuarigarde la diferenco ja estas granda kompare al *Spegulo*, dum *Fokuso* ne havas vere malpli multajn buntajn fotojn, figurojn, tabelojn k. s.

**Grandaj fotoj**

Eble la diferenco troviĝas iomete en la bild-formatoj: *Tango* havas multajn tut- aŭ dupaĝajn kolorajn fotojn. Kaj eble noticoj kaj artikoletoj parte estas eĉ pli koncizaj ol tiuj en *Fokuso*, kiu parte jam revenis al pli ampleksaj artikoloj pri gravaj temoj.

*Spegulo* deklaras sin „la informmagazino", *Fokuso* „la moderna informmagazino" kaj *Tango* kontrastas per „la info-ilustrito". Laŭ la deklaroj de l' eldonejo ĝi volas esti „rapida, bunta, informa kaj distra" kaj turnas sin al „junaj, malfermaj, erudiciaj" legantoj, kiuj „matene post ellitiĝo ne havas malbonan humoron", kiel diris ĉe la lanĉo ĝia ĉefredaktoro Hans-Hermann Tiedje.

**Malfacila komparo**

Vere kompari ĝin kun la konkurencaj magazinoj laŭ enhavo, estas malfacile pro la diverĝa aperotago. Klare estas, ke *Tango* malpli ol la aliaj koncentriĝas je politiko, ekonomio kaj kulturo, sed elstarigas la buntajn temojn, ankaŭ en la klasikaj sekcioj. Do skandaloj kaj sensacioj pli gravas ol seriozaj informoj kaj fonartikoloj.

Ekzemple en tiu ĉi numero unu el la ĉefaj politikaj temoj estas malsat-striko de estroj de l' ekskomunista partio PDS, kiuj tiel protestis



*La nova info-ilustrito*

kontraŭ impost-postuloj – relative akcesora temo, ĉar temis pli ĝuste pri burokrata komedio de financinstancoj ol pri politiko. Krome – malbonŝance por *Tango* – ĝuste la vesperon antaŭ apero de tiu ĉi numero la komedio finiĝis, ĉar la burokratoj cedis kaj la PDS-anoj ĉesis malsatstriki...

**Maldiskreta**

Ankaŭ aliaj ĉeftemoj sugestas sensaciojn, ekzemple detalaj raportoj pri pereo de luksa pasaĝerŝipo Achille Lauro, kaj pri onidire nova feminista strategio de virinoj, kiuj uzas sian sekson kiel batalilon por akceli la propran karieron. Entute, kiel oni deklaras ankaŭ en la subtitoloj de l' diversaj rubrikoj, precipe temas pri „informoj kaj maldiskretaĵoj" – legu „skandaloj".

Kiel ajn, por la koncerna klientaro *Tango* estas lerte kaj metikonforme farata. Ankaŭ la uzata lingvo konvenas: multaj anglaj nocioj. Ekzemple la aktuala rubriko estas titolita ne per germana vorto sed per News kaj subrubriko de aĉetkonsiloj titoliĝas N. Y. Shopping Guide, kun detaloj indikoj, kie en Nov-Jorko oni aĉetas kion favore. Pri la nomo de tiu rubriko mi miris, pensante ke *Tango* volas modifi la germanan lingvon. Oni nomas ĝin Bazaar, sed la germana vorto por bazaro estas Basar. Bonŝance mi ekhavis konjekton kaj kontrolis anglan vortaron – kaj jen, bazaar estas la anglalingva versio. Jen do, vere moderna germana revuo!

Ĉu *Tango* sukcesos ankaŭ ekonomie? El 128 paĝoj de l' esplorita numero nur 26 paĝojn okupas reklamoj, inter kiuj krome estas pluraj, kiuj varbas por produktoj de l' eldonejo Gruner + Jahr. Do maksimume unu kvinono estas pagitaj reklamoj, dum la kutima proporcio devus esti tri kvaronoj. Sed tia eldonejego havas sufiĉe da mono por elteni longan tempon ankaŭ sen profito. Probable *Tango* povos forlogi preskaŭ neniujn adeptojn de *Spegulo*, sed eble *Fokuso* perdos iujn favore al la nova info-ilustrito. Do ni vidos, kiu venkos en tiu ĉi dancokonkurso.

Stefan MAUL

# Omaĝo al Heroldo

**La 22an de oktobro 1994 en sudgermana urbo Aalen oni transdonis la Esperanto-Kulturpremion de FAME-fondaĵo por internaciaj kompreniloj kaj urbo Aalen al kroata verkistino *Spomenka Štimec* kaj *Heroldo de Esperanto*. FAME ja plurmaniere jam subtenis Esperanto-revuojn, sed estis la unua fojo, ke gazeto/eldonejo ricevis la prestiĝan premion. Redaktorino *Ada Fighiera-Sikorska* ne povis veni al Aalen; la premion akceptis ŝia edzo *Gian Carlo Fighiera*. La omaĝon al *Heroldo* prezentis la FAME-prezidanto *Stefan Maul* mem. Ni dokumentas lian paroladon:**

Kiel ĵurnalisto mi kompreneble ĝojas tre aparte, ke mia unua publika elpaŝo kiel nova prezidanto de FAME-fondaĵo koincidas kun honorigo de kara kolegino. Sed mi volas atentigi, ke la decidon pri *Heroldo de Esperanto* oni faris sen mia influo. Ĵurnalistoj oftege aŭdas pli multe kritikon kaj insulton ol laŭdojn, kaj tiajn agnoskojn kia estas tiu ĉi kultur-premio ili akiras relative malofte.

Ke *Heroldo* meritas ĝin, estas ekster dubo. Sole kelkaj nombroj pruvu tion: Fondita en 1920 de *Teo Jung* en Kolonjo, 1961 transprenita de *Ada Fighiera-Sikorska*, *Heroldo* dum tiu ĉi tempodaŭro aperis entute 1900 fojojn; el tio rezultas la impona nombro de pli ol ses milionoj da ekzempleroj. La gazeto havas legantojn en ĉirkaŭ 70 landoj, multaj en tiel nomata tria mondo ricevas ĝin senpage. Kiom da kulturajn pontojn *Heroldo* tiamaniere konstruis dum preskaŭ 75 jaroj, tion probable neniu povas taksi.

**100 libroj eldonitaj**

Kvazaŭ tio ne sufiĉus, la eldonejo krome eldonis ĉirkaŭ 100 librojn, inter kiuj estas valorplenaj literaturaj verkoj. Sed al internacia interkompreno la eldonejo nelaste kontribuis per lernolibroj en diversaj lingvoj. Ankaŭ ĉi-kampe *Heroldo* same engaĝiĝas en aparta maniero en la tria mondo.

**„Batanta koro"**

Leganto antaŭ nelonge karakterizis la gazeton „batanta koro en la Esperanto-movado". Tio ŝajnas al mi esti tre trafa esprimo. De jam 30 jaroj *Ada* tenas tiun ĉi koron batanta, per engaĝiĝo kaj energio, kiuj devas rikolti nian admiron. Kion signifas, kiel sola redaktoro liveri ĉiun duan semajnon gazeton kun tia amplekso akurate al la leganto, tion supozeble povas prijuĝi nur kolegoj kiel mi. Aldoniĝas kroma apartaĵo: ŝi laboras ne nur sen salajro, sed kun sia edzo ankaŭ kovras estiĝantajn deficitojn. La premiosumon, tiel ambaŭ anoncis, ili volas investi en novajn libroprojektojn.

Certe, ni honorigas per tiu ĉi premiodistingo la institucion *Heroldo* – sed per tio ni omaĝas kaj agnoskas kompreneble ankaŭ la homojn vivigantajn ĝin.

*Teo Jung* siajn rememorojn enkondukis per strofo el sia poemo „Iam", kiun mi volas citi:

Ho bela revo de spirit' genia:

Ke ĉiu ĉiun en la mond' komprenu!

Ideo granda, pens' revolucia,

Valora, vere!, ke por ĝi ni penu!

Ni scias, ke en la spirito de la fondinto de *Heroldo* agadas ankaŭ lia posteulino, ke ŝi penas, barak-

tas por servi al tiu ĉi granda ideo de mondvasta interkompreniĝo, tute en la spirito de nia fondaĵo, kiu starigis kiel sian celon antaŭenigi internaciajn komprenilojn. Ni ĝojas, ke ni povas transdoni al *Heroldo* kaj geedzoj *Fighiera* la kulturpremion. Kaj mi estas certa, ke *Teo Jung* kunĝojas en la Esperanto- ĉielo.

***

*Noto:* Le premiosumo por *Heroldo* estis 5000 germanaj markoj. La eldonejo ĵus anoncis baldaŭan aperon de nova Esperanto-lernolibro por german-lingvanoj, kies aŭtoro estas *d-ro Till Dahlenburg*. Laŭplane ĝi aperos en somero 1995.

**JAPANIO**

## Mallegemo

Kiel informas *Novaĵoj Tamtamas* (n-ro 3/94, oktobro), japana ministerio pri edukado enketis pri legemo de geknaboj kaj trovis, ke 70 procentoj en la dua lerneja jaro (meza kaj alta lernejoj) ja ŝatas librojn, sed reale 40 procentoj ne legis eĉ unu libron en monato. Geknaboj ene elementaj lernejoj legas pli multe (meznombre 8 librojn en monato) ol mez- kaj altlernejanoj (meznombre 2 librojn monate). Tamen ili legas bildstriojn: en meza lerenjo meznombre 11, en altlernejo meznombre 8 en monato. Ankaŭ ĉe televidado mez- kaj altlernejanoj superas la geknabojn de elementa lernejo, el kiuj nur 51 procentoj okupiĝas pri televidado post lernado; sed televidas 70 procentoj de mez- kaj altlernejanoj.

Sekve *Novaĵoj Tamtamas* demandas: „Ĉu japanaj geknaboj malsaĝiĝas laŭkreske?“

## Fino de ĵurnalo

20 jarojn post la starto finiĝis eksperimento: la ĵurnalo *Quotidien de Paris* ĉesis aperi. La projekto komenciĝis post internaj kvereloj en la redakcio de gazeto *Combat:* la disputema ĵurnalisto Philippe Tesson ne plu harmoniis kun la eldonisto kaj fondis kun la kompleta *Combat*-redaktoraro sian propran ĵurnalon.

*Quotidien* famiĝis pro batalema ĵurnalismo kaj komecne havis sukceson, sed baldaŭ poste perdis pli kaj pli legantojn kaj reklamklientojn. Fine oni vendis nur 40 000 ekzemplerojn kaj aŭtune 1994 devis ĉesi – unu el multaj, ĉar ankaŭ aliaj ĵurnaloj perdas. La franca registaro, pro la krizo de l' gazetaro, jam komencis per speciala programo subvencii ĝin.

## Nur per televido

Laŭ nova studaĵo en Germanio televido estas plej grava inform-fonto por decidi, kiujn partiojn elekti al parlamentoj. La kreskanta nombro de politike ne interesitaj germanoj estas atingebla jam nur per tiu ĉi amaskomunikilo, komunikis ARD (Unua Germana Televizio) la rezultojn de studaĵo de komunikilesploristo Winfried Schulz [Vinfrid Ŝulc].

Li eltrovis, ke redakciaj televid-informoj estas la unuaranga fonto por tiuj, kiuj interesiĝas pri elektoj; televida reklamado de l' politikaj partioj kompare al tio nur minimume influas elektodecidojn de spektantoj, ties efiko eĉ ne estas pruvebla, diris Schulz.

# Kiel novaj ideoj sukcesas

**Komence de la okdekaj jaroj estiĝis en Usono pacmovado kun la nomo Beyond War (transe de milito). La organizaĵo klopodis disvastigi siajn ideojn kaj proponojn pri paŝoj al pli paca kunvivado de la tiamaj du superpotencoj.**

En unu el ĝiaj informiloj aperis interesa artikolo kun titolo „Adoptado de ideo“. Oni koncizigite prezentis la rezultojn de la kelkjardeka scienca laboro de Everett Rogers, kiu studis la ĝeneralan fenomenon, kiel novaj ideoj enradikiĝas kaj disvastiĝas en iu socio.

**La procezo de adoptado**

Laŭ tiuj studoj oni povas diferencigi jenajn fazojn de adopta procezo: atento, intereso, evoluado, elprovo kaj konfirmado.

Individuo unue devas ekscii pri iu ideo, ekzemple per amaskomunikiloj. Intereso evoluas kaj pozitiva aŭ negativa sinteno formiĝas. Li/ŝi komparas avantaĝojn kaj malavantaĝojn de la afero kaj elprovas ĝin. Sekvas la decido akcepti aŭ rifuzi la ideon. Fine la individuo serĉas konfirmadon por la farita decido. La rapideco de l' adopta procezo dependas de la grado, je kiu la nova ideo proponas avantaĝojn kaj ĉu ĝi kongruas kun ĝisnunaj kredoj kaj konvinkoj de l' individuoj.

**Klasifikado de adoptantoj**

Ĉe sukcesinta ideo estas interesa la klasifikado de la adoptantoj laŭ ilia novemo (preteco akcepti novan ideon), kiun montras figuro 1: Je la horizontala akso staras la tempo de adoptado, esprimita per la koncerna kategorio, vertikale la procentaĵo de la adoptantoj.

*(Vidu figuro 1)*

En socio ne ĉiuj individuoj akceptas novan (sukcesontan) ideon je la sama momento, sed laŭ tempa sinsekvo, kiam ili ekuzas tiun ideon. Plie: homoj, kiuj estas „fruaj apogantoj“ de unu ideo povas esti „malfruaj plimultanoj“ de alia.

*Nov-enkondukantoj* havas kiel gravan karaktertrajton entreprenemon. Ili estas moviĝemaj kaj komunikas ankaŭ ekster lokaj retaroj de samaĝuloj. Ofte la geografiaj distancoj inter la novenkondukantoj estas grandaj. Ili kapablas kompreni abstraktajn konceptojn kaj sukcese luktas kun alta grado de necerteco en frua fazo de la adopta procezo.

*Fruaj adoptantoj* estas pli integrataj en la loka socia sistemo ol la antaŭa grupo. Al tiu ĉi kategorio apartenas opini-gvidado, kaj eblaj apogantoj rigardas tiun grupon por ricevi konsilojn kaj informojn pri la nova ideo. Frua apoganto ofte estas persono respektata de siaj sa-




*Figuro 1*

*La diversaj grupoj adoptas novan ideon laŭ tempa sinsekvo, laŭ la preteco de novemo. Krome, homoj kiuj estas fruaj apogantoj de unu ideo, povas esti malfruaj plimultoj de alia.*

maĝuloj. Lia/ŝia rolo gravas, ĉar li/ŝi persone peras siajn impresojn de nova ideo al la aliaj, kaj tiel reduktas ilian necertecon.

Anoj de la *frua plimulto* akceptas novan ideon iom antaŭ meza membro de socio. Ili ricevas siajn informojn grandskale de la fruaj apogantoj, sed ili ne ofte havas gvidajn rolojn en la socio. La frua plimulto gravas pro sia relative granda nombro kaj ĉar ĝi ligas la tre fruajn kun la malfruaj adoptogrupoj.

La *malfrua plimulto* konsistas ofte el singardaj kaj skeptikaj homoj. Ili adoptas kelkfoje pro ekonomia neceso aŭ pro premoj el iliaj sociaj retaroj. Oni povas konvinki ilin per la utileco de ideo, sed premo de samaĝuloj bezonatas. Preskaŭ ĉiu necerteco devas esti malaperinta antaŭ ol ili kuraĝas adopti ideon.

*Malfruaj adoptantoj* akceptas novan ideon laste. Ilia orientado estas la plej loka kaj tradicia el ĉiuj kvin grupoj, kaj tio ege malrapidigas la decidoprocezon ĉe ili. Surprize la rezisto kontraŭ novaj ideoj aperas al ili mem tute racia.

**La S-kurbo de adoptado**

*(Vidu figuro 2)*

La interpretado de la dua figuro estas iomete komplika kaj matematikeca. Bonvolu ne miksi la konceptojn de „kresko“ kaj „amasiĝa procentaĵo“. Oni vidas kurbon, kiu rezultiĝas per adicio de la procentaĵoj por adoptantoj en socio, en rilato al tempo.

Se oni esploras la formon de la kurbo, oni povas konstati, ke komence la kresko estas malrapida (pro la malalta procenta nombro de adoptantoj). Poste la kresko altiĝas, ĝis ĉ. duono de la socio estas akceptinta la novan ideon. Poste la kresko denove malaltiĝas (dum la amasiĝa procentaĵo daŭre kreskas).

La haĉita areo en la diagramo estas la plej interesa: ĝi spegulas la tempoperiodon, kiam nova ideo vere venkas. Laŭ Rogers ideo estas fakte ne plu haltigebla post kiam 20 % de socio adoptis ĝin.

Rogers cetere atentigas pri tio, ke la buŝa persona perado ĉiam estas la plej grava metodo por certigi adoptadon de iu ideo. La novenkondukantoj preskaŭ neniam mem kreis/inventis ĝin. Iliaj informoj ofte venas el (amas)komunikilaj fontoj, ĉefe el la pli akurataj, teknikaj kaj sciencaj kanaloj. Komencante ĉe la fruaj adoptantoj, la buŝa inform-metodo iĝas pli kaj pli grava.

**Niveloj de konscio kaj adoptado**

*(Vidu figuro 3)*

La tria figuro montras la rilaton inter la du niveloj de konscio kaj adoptado. La kurbo por la konscio estas la pli kruta, ĉar (kon)scio pri ideo okazas pli rapide ol ĝia adoptado. Por 5 - 10procenta nivelo de adoptado oni bezonas 25 - 50procentan konscion. Tipa ekzemplo estas donita per la intermitaj linioj: 10procenta adoptado postulas 40procentan konscion.

La meza daŭro de la decidoprocezo multe varias depende de la nova ideo kaj de la individuoj. Relative simplaj ideoj, senpene elprovieblaj kaj kongruaj kun pasintaj spertoj estas kutime pli facile kaj rapide adoptataj ol ideoj sen tiuj ĉi trajtoj. La periodo de scio ĝis adoptodecido estas ĉe la fruaj adoptantoj pli mallonga ol ĉe postaj grupoj. Spe-







*Figuro 2*

*(maldekstre)*

*La haĉita areo indikas la tempon, kiam nova ideo vere venkas.*

*Figuro 3*

*(dekstre)*

*10procenta adoptado bezonas 40procentan konscion, kiel montras la intermitaj linioj.*

ciale ĉe la novenkondukantoj troviĝas ĝenerale favora sinteno je novaj ideoj kaj ankaŭ malpli da rezisto kontraŭ ŝanĝoj.

**Nur modelo**

Kompreneble la supre cititaj koncizigitaj rezultoj estas sufiĉe ĝeneralaj kaj havas nur modelkarakteron. Do ne ĉiu eco kaj ero aplikeblas en ĉiu unuopa konkreta kazo de nova ideo.

Eĉ pli malfacile montriĝas trovi validajn konkludojn por la Esperanto-movado. La studoj de Rogers ja ne estas revoluciaj; li nur arigas, ordigas, kategoriigas kaj certagrade kvantigas observojn, kiujn jam multaj aliaj faris kaj esprimis.

**Grava grupo: ĵurnalistoj**

Kiel pripensindajn mi tamen ŝatas substreki tri punktojn:

- La gravecon de la „fruaj apogantoj", al kiuj oni turnas sin por konsiloj kaj informoj. Certe ĵurnalistoj apartenas al tiu ĉi grupo, same kiel aliaj personoj kun influo kaj en „opinigvidaj" pozicioj.
- La daŭran disvastigon de taŭgaj informoj kiel necesan antaŭkondiĉon por adoptado. Banale dirite: eĉ la plej malferma homo ne povas esperantistiĝi, se li/ŝi ne aŭdis aŭ legis pri la lingvo internacia.
- La gravecon de persona buŝa informado kaj de la propra konvinka ekzemplo. Persisto, nealtrudemo kaj bona informiteco en niaj vicoj estas ege helpaj.

Harald SCHMITZ

**RUSLANDO**

# Utiligo de materialo el TEĴA-revuo

*Jen kaj jen la redaktoro ekscias, ke kolegoj ĉerpis materialon el Internacia Ĵurnalisto, tradukante aŭ resumante artikolojn por naciligvaj gazetoj. Se nia fakrevuo tiel servas al kolegoj kaj ties legantoj, tio estas ne nur flanka efiko sed ja grava utiligo. Eble la ekzemplo de huslanda kolego instigos ankaŭ aliajn, ekspluati nian revuon simile. Kondiĉo, cetere, estas nur, ke oni indiku la fonton; eventualaj honorarioj estu asignataj al TEĴA aŭ ĝia tiulanda sekcio.*

*Jen do la raporto de Vjaĉeslav Roĵdestvenskij:*

Al vi skribas freŝbakita TEĴA-membro, 53jara ĵurnalisto, esperantisto de 1959. IĴ 3/94 al mi plaĉis kaj mi decidis, revui ĝin por ruslingva semajna regiona gazeto ĤRONIKA (Kroniko), en kiu mi laboras. La revuaĵo sub la titolo „Ĉu televidokratio?" aperis la 15an de septembro. Jen traduko:

Loĝantoj de USSR longe estis konsiderataj kiel „la plej legema popolo". Nun, verŝajne, tio ne direblas (almenaŭ pri Ruslando): eldonkvantoj de gazetoj, precipe la tutlandaj, tute ne kompareblas kun iamaj. Ne havante ĝustajn ciferojn, estas malfacile kompari, sed certe eks-sovetianoj rekompencas la mankon de kutima legaĵo per tv-programo (des pli, ke televid-kanaloj pli abundas).

**Vido al estonteco**

Se la tendenco longos, ni atendu ne tre favorajn sekvojn. Io simila jam delonge (kaj diverse) observeblas en Eŭropo. Tial materialoj el „Internacia Ĵurnalisto" (n-ro 3, 1994) permesas vidi nian eblan estontecon.

Koncize pri la eldonaĵo, kies informojn mi volas al vi prezenti. Ĝi estas presorgano de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. Aperas kvarfoje dum jaro en Germanio internacilingve. Redaktoras ĝin Stefan Maul (ĉefe citotos liaj materialoj; pri la skandinavia gazetaro artikolis ĵurnalisto el Finnlando Erkki Röntynen).

Komencu ni per la artikolo „Ĉu survoje al televidokratio?"

(sekvas la enhavo)

Sur la apudaj paĝoj troveblas ciferoj, certigantaj la postreston de Italio en la sfero, por tiel diri, de papera vararo. (sekvas ciferoj)

Interalie ekzistas en Eŭropo eĉ pli legemaj landoj ol tiuj, pri kiuj parolas la redaktoro de IĴ. En Finnlando, ekzemple, ĉiu loĝanto konsumas 214 kg da papero, en Svedio 239. Legu ni la artikolon „Dum longaj noktoj oni legas multe". Ĝi konstatas: skandinavoj estas fervoraj legantoj de gazetaro. Inter aliaj kaŭzoj, kio klaras el la titolo, konsideratas ankaŭ geografiaj: longaj monatoj de longaj vesperoj... Interalie, oni multe legas ankaŭ en Islando.

**Kaj televido?**

Sed ĉu televido? Ĉu finnoj kaj svedoj indiferentas al ĝi? Tute ne. Diference de Italio en Finnlando, ekzemple, „blua ekrano" premas ne gazetaron, sed literaturon (ĉu nur tie?).

Ankoraŭ pri televido. Evidentiĝas, ke novaj, popularaj en Eŭropo programoj portas ne multe da informo. (Sekvas resumo pri Piktogramio.)

Finante tiun mallongan neplenan revuaĵon, mi volas certigi ke, estante gazetisto, mi tute ne antipatias televidon. Simple mi volis redoni la informon, spegulantan ne plej agrablan dinamismon en disvolo de amaskomunikiloj en Eŭropo. La donitaĵojn pri legantara aktiveco en Skandinavio mi citis plezure: jen kial eŭropa nordo tiom stabilas politike kaj ekonomie. Skandinavoj ne timas iam vekiĝi en Piktogramio aŭ - savu dio - dum televidokratio. Sed ni, ĉu?

**El Popola Ĉinio**

Jen, iel-tiel mi verkis la tekston. Kiam mi ricevis IĴ n-ron 3, la traktataj en ĝi faktoj jam ne aktualis por la gazetaro moskva. Sed ĤRONIKA interesiĝas pri netradiciaj informoj, nekutimaj por provinca legantaro. Tial ĝi volonte aperigis ĉi- revuaĵon. Ĝuste pro la samaj kialoj du semajnojn poste aperis speciala paĝo *Ĉe ni gastas „El Popola Ĉinio"*, kie preskaŭ ne temis pri Esperanto, sed estis substrekite: la tuta interesa faktaro estis prenita el Esperanto-revuo. Mi strebas pli-malpli ofte uzi similajn eblojn.

# Baldaŭ E-TV?

**Ni citas el artikolo aperinta en n-ro 65 de novembro 1994 de *Eventoj* (p. 3):**

Ĉu povas ekzisti nuntempa movado sen nuntempaj amaskomunikiloj? Certe ne, respondos vi, kaj, certe, vi pravas. Estas bonege, ke ni havas proprajn gazetojn, ĵurnalojn, radiostaciojn. Tamen, kial ni tute ignoras la plej modernan, la plej fortan kaj la plej popularan rimedon – televidon?

[La aŭtoro atentigas, ke UEA antaŭ kelka tempo devis rifuzi proponon senpage uzi 8 horojn en satelita tv-stacio, ĉar ĝi havas neniun teknike taŭgan materialon.]

Mi kredas, ke venis la tempo por serioze pripensi kaj decidi – ĉu ni bezonas proprajn tv-programojn? Kompreneble, estus naive proponi organizi E-telecentralon kaj E-telestudion – tio postulas tro multe da mono, fortoj ktp. Sed kial ne organizi malgrandan moveblan [„mobilan" en la originala teksto – sed ni rajtas dubi, ke iu tv-ĵurnalisto volas pendi kiel mobilo en aero, kvankam iel tio memorigas pri satelita tv ... n. d. la red.] tv-grupeton-teamon, kiu konsistus el ĵurnalisto-redaktoro, reĝisoro kaj operatoro kun profesia tv-kamerao?

Kiom da eventoj en E-vivo, kiom da kongresoj, renkontiĝoj estus savitaj por historio! Kiom vaste eksonus Esperanto – la filmojn ja oni proponas al la plej diversaj tv-stacioj de la mondo. La filmoj rakontos (pli ĝuste – montros) al homoj pri ekzistanta Esperanto-kulturo en diversaj lingvoj de la mondo.

Mi estas certa, ke la ideo pri propra E-televido devas realiĝi pli aŭ malpli frue. Kaj mi estas konvinkita, ke ju pli frue, des pli bone. Mi mem estas profesia tv-ĵurnalisto, kaj mi konas la homojn, kiuj estas pretaj organizi E-tv-teamon. Estas bezonata nur mono por aĉeti la kameraon, por film- kaj muntad-laboroj, salajro k. a. elspezoj. Sed tio estas jam alia demando...




*Ĉu eble tiel aspektos la emblemo de l' Esperanto- televido?*

Abdurahman JUNUSOV

eksa ĉefredaktoro de Dagestana Ŝtata Televido

***

Kion opinias aliaj E-ĵurnalistoj, precipe tiuj spertaj en tv- medio? Cetere, en prelego en Centre Pompidou en Parizo en februaro 1989 Stefan Maul prezentis la ideon, ke sub aŭspicio de Unesko oni instalu mondvastan satelitan tv-programon en Esperanto, komencante per E-kursoj. Li mem parolis pri „reala utopio" – sed jen, intertempe eble jam realiĝas televida E-kurso, Mazi en Gondolando.

---

Plia prilingva noto de l' redaktoro: En Eventoj oni uzas la mallongigon TV, ne tv – kiel en la supra teksto. Sed kial oni uzas mallongigon kun majuskloj? La Esperanto-vorto ne estas Tele Vido nek TELEVIDO (el kiuj formoj povus rezulti mall. TV) sed televido kun taŭga mallongigo tv. Aŭ ĉu televido estas la nova monda moŝto, tiel ke pro respekto al majestaĵo oni skribu ĝin grandlitere... ?

**RUSLANDO**

# Feniksaj gazetoj

**Post pli ol 70 jaroj de la komunisma regado en Ruslando pene renaskiĝas intelekta vivo kaj kulturaj tradicioj. Al tiu fluo apartenas ankaŭ renaskiĝo de antaŭrevoluciaj gazetoj. Inter la „feniksaj" periodaĵoj estas ankaŭ du en esperanto: *Ruslanda Esperantisto* kaj *La Ondo de Esperanto.***

*Ruslanda Esperantisto* (RE) estis fondita en 1905 kaj ĉesis en 1911 pro la dissolvo de Ruslanda Ligo Esperantista. Ĝi reaperis en 1991, kaj baldaŭ RE fariĝis tutlanda supertendenca gazeto, spegulanta la esperantistan agadon de la ruslanda kaj internacia skaloj.

Preskaŭ ĉiunumere en RE publikiĝas artikoloj pri la aktualaj problemoj de esperanto, pri ties rolo kaj loko en la hodiaŭa mondo. Krome regule aperas *Lingvaj respondoj* (de Sergej Pokrovskij), *Legu kaj lernu* (por infanoj kaj komencantoj), *Beletra angulo*, krucvortenigmoj, kvizoj k. m. a. La gazeton redaktas Halina Gorecka.

*La Ondon de Esperanto* (LOdE) fondis en 1909 Aleksandr Saĥarov, kaj post la bolŝevista revolucio (1917) ĝi ne plu aperis. LOdE fenikse renaskiĝis en 1991 kiel soci-kultura revuo.

Unuflanke, LOdE prezentas kaj komentas ĉefajn soci-politikajn eventojn en Ruslando kaj aliaj ekskomunismaj landoj. Por pli konkrete montri la postkomunisman realecon, LOdE ekde 1994 lanĉis serion de skizoj pri la vivo de la ordinaraj ruslandanoj (esperantistoj).

Duaflanke, la revuo konatigas la esperantistan legantaron kun la rusa kulturo per verkoj (fragmentoj) el Puŝkin, Dostojevskij, Ĉeĥov, Bulgakov, Solĵenicin (se nomi la aŭtorojn jam prezentitajn). Sur la paĝoj de LOdE aperas ankaŭ poemoj kaj noveloj verkitaj originale en esperanto.

Esperanto kiel fenomeno socia kaj kultura ricevas en la revuo regulan pritrakton per eseoj, noticoj kaj recenzoj. Inter la ceteraj temoj de LOdE estas historio de esperanto (i. a. rubriko *Antaŭ 80 jaroj*) kaj movada humuro. La dumonatan revuon kunredaktas Aleksander Korĵenkov (vidprezidanto de TEĴA) kaj Nikolai Lozgaĉev.

Krome en Ruslando aperas *Spektro*, trimonata internacia revuo pri esperanto. En ĝi oni trovas materialojn pri informado kaj publikaj rilatoj, instruado kaj pedagogio, interlingvistiko, historio de esperanto, tradukarto kaj aliaj.

La tri gazetoj aboneblas (RE 20 NLG, LOdE 24 NLG, Spektro 15 NLG) ĉe UEA, perantoj en pli ol 20 landoj aŭ rekte ĉe

Ruslanda Esperanto-Centro, p. k. 67, RU-620077 Jekaterinburg-77, Ruslando.

## METIEJO

***Praktikaj kaj utilaj aferoj***

# Persatelitaj programoj

## Kial oni aŭskultu ankaŭ radioelsendojn per satelito?

La tradiciaj porradiaj ondolongoj por mezaj kaj longaj distancoj pro diversaj kaŭzoj en la lastaj jaroj malgraŭ la sendubaj teknikaj progresoj tute ne pliboniĝis. Tio estas bedaŭrinda fakto. La frekvencoj por lokaj aŭ regionaj bezonoj, la tielnomataj modulitaj frekvencoj aŭ ultrakurtaj ondoj en la bendoj de 88 megahercoj MHz ĝis 108 MHz (tio en la okcidentaj landoj) kontraŭe toleras ĉiun plibonigon. Nun oni ankaŭ parolas pri diĝitaj procedoj por mallongaj ondoj, sed tio estas ankoraŭ muziko de la estonto.

**Diĝita Satelita Radio**

Tamen tiu procedo jam ekzistas en Germanio: la tielnomata Diĝita Satelita Radio kun dekses programoj atingeblaj por ĉiu per eĉ du satelitoj kaj kutime en la kablo; en Nederlando diĝita radio kun ok stacioj nur por kabla transdonado kaj en Francio diĝita radio kun per unu satelito Eŭtelsat II F-1 ok funkciantaj stacioj kaj per Telecom 2B, 5 gradoj okcidente kun 17 stacioj. Almenaŭ unu el tiuj sistemoj estas nur por provizo de lokaj stacioj per certaj programoj - do ne por ĉiu atingebla. La diĝita estas la plej bona procedo en la momento, ĉar oni ekzemple per la germana DSR-sistemo transdonas ĉion per unu sola frekvenco televida.

Aliflanke estas la bonega kvalito de la analoga procedo de radiofrekvencoj kiel subportantoj de sonoj ĉe satelitaj televidaj kanaloj, kie - por doni nur unu ekzemplon - TV- Polonia sur Eŭtelsat II F-3 16 gradoj de la orienta latitudo, frekvenco 11,080 gigahercoj GHz, polarizado horizontala (H), kies televida sono estas 6,65 MHz, aldone disponigas la sterean radion Pollando 1 per 7,38 - 7,56 MHz, Pollando 2 per 7,74 - 7,92 MHz, Pollando 3 per monokanalo 8,10 MHz kaj la internacian programon Pollando 5 per 8,28 MHz, kie troviĝas ankaŭ nia Esperanto-programo dufoje ĉiutage.

**Multaj luantoj**

Multaj radiostacioj luas tiajn sonportantojn, eĉ ne havante paralelan televidon: ekzemple Radio Vatikana, kiu luas la subportanton 7,74 MHz de la araba stacio mbc en Londono, kiu de la frekvenco sur Eŭtelsat II F-1 13 gradoj de la orienta latitudo horizontala polarizado uzas televidajn stereofrekvencojn 7,02 - 7,20 MHz; la frekvenco mem estas 11,554 GHz (unu gigaherco estas 1000 megahercoj). Ekde la 28a de septembro 1994 Radio Vatikana havas du programojn en Esperanto dimanĉe kaj merkrede je la 21.20 h MET, merkrede vespere revenis la meza ondo 1611 KHz (la kurtondaj frekvencoj estas la samaj kiel ĵaŭde matene).

Kiel konate, Radio Zagreb estis la unua persatelita stacio kun Esperanto-programo kaj Radio Vatikana la dua. Kun Pola Radio kiel tria, komenco estas farita. Mi kompreneble daŭre skribas ankaŭ al Radio Aŭstria Internacia, Ĉina Radio Internacia kaj Radio Roma kiel venontaj kandidatoj. Ties respondoj ĝis nun estas svagaj.

**En multaj lingvoj**

Kompreneble, havante satelitan antenon, oni ne nur volas rigardi televidajn programojn kaj aŭskulti radioprogramojn per la satelitaj kanaloj, kiuj momente ofertas ankaŭ Esperanton, kvankam, kaj tion oni devas honeste diri, la du satelitoj sur 13 kaj 16 gradoj de la orienta latitudo prezentas la plej grandan elekton de ĉiuj paroj da satelitoj. Sur Eŭtelsat II F-1 estas BBC kun neindikita nombro da lingvoj, Deutsche Welle (Germana Ondo) kun 35 lingvoj (entute 42 lingvoj, ĉar kelkaj ankaŭ sur Astra), Svisa Radio Internacia - pro la kulpo de la neskribemaj esperantistoj nun sen Esperanto -, Radio Finnlando ktp. Sur Eŭtelsat II F-3 oni ne nur havas kroatan programon (antaŭe kun Esperanto), polajn, hungarajn (se oni elsendus la Esperanto-programon unu horon pli frue sur Radio Bártok, ni ankaŭ ĝin havus per satelito), arabajn eĉ aldone kun berberaj lingvoj, turkajn, sed ekzemple ĉe la 5a programo de Pola Radio ankaŭ la litovan, bjelorusan kaj ukrainan kiel maloftajn lingvojn aŭdeblajn tute ne per aliaj programoj. Do, ne nur por esperantistoj la plej interesaj programoj pro plej granda nombro da lingvoj.

**Prefere granda anteno**

Mi ne estas amiko de kiel eble plej malgrandaj antenoj parabolaj kun kiel eble plej malmultaj bone riceveblaj programoj, tute kontraŭe. Komence de 1988 mi instalis fiksan televidan atenon 1,50 metran nur por sovetiaj televido kaj radio, por interalie pli bone ekzerci la rusan lingvon, do satelitan antenon por nur unu lingvo, kaj en somero 1988 1,80 metran turneblan antenon por tuteŭropa uzo, kiun mi nun donacis al poldevena esperantisto.

Nun mi havas 3,10 metran antenon por pli vasta uzo, kiu tamen liveras al mi en oriento per 80 gradoj la vjetnamian programon, en sudo la madagaskaran, en okcidento 45 gradoj per Panamsat la meksikiajn radion kaj televidon kaj NHK-programon, tra Usono alkondukitan japanan programon. Nokte devus ankaŭ esti Kubavizio, sed momente por mi estas malfacilaĵoj.

**Kiuj instalaĵoj?**

Oni demandis min, kiujn satelitojn oni kaptu, kiajn antenojn oni uzu kaj kian ricevilon oni aĉetu por kiom da mono. Mi demandis mian fakulon, kiu donis jenajn ĝeneralajn informojn:

- Sat-instalaĵo 80 centimetra parabola anteno kun unu ricevokapo (LNC) kaj unu ricevilo por ricevo de unu satelito: 548,00 DEM (germanaj markoj), en superbazaro eĉ malpli.

• Sat-instalaĵo 80 cm kun du ricevokapoj kaj unu ricevilo fiksa por ricevo de du satelitoj: 998,00 DEM.

• Sat-instalaĵo 90 cm kun unu ricevokapo kaj unu ricevilo turnebla kun aktuatoro: 1498,00 DEM.

• Sat-instalaĵo 1,20 m kun unu ricevokapo kaj unu ricevilo turnebla kun aktuatoro: 1998,00 DEM - altkvalita marko 2900 DEM.

La prezoj daŭre falis en la lastaj jaroj. Por mia unua anteno mi pagis 4000 DEM - nur por unu stacio; por la dua kun multe da postaj plibonigoj 7000 DEM kaj por la tria 11 000 DEM, sed kun granda anteno kaj plej bonaj ricevokapoj por ĉiuj frekvencoj kaj plej altkvalita ricevilo kun 600 antaŭpreparitaj programoj - mi aldonis intertempe 100 novajn.

**Kvazaŭprofesia uzado**

Mi utiligas la antenon kvazaŭ profesie kaj transdonas la rezultojn per ĉiumonata radioelsendo en Civitana Radio de Sarlando: „Lingvolernado en la epoko de la satelitoj", kiu atingis jam la 38an elsendon kun aldonaj televidaj programoj.

Ne diru, ke eble 60 cm parabola anteno sufiĉas aŭ ke simpla rotoro, kiun ofte uzas turkoj ĉe ni por kapti staciojn sur tri satelitoj, bone funkcias. Estas tre multaj detaloj, kiujn oni devus klarigi per pli longa artikolo. Temas pri orbito, azimuto, la koncernaj anguloj ktp.

Günther BECKER

LEKSIKOGRAFIO

# Historio de la polisemia radiko poligraf-

**En mia artikolo „Printi, presi kaj aliaj terminoj de presarto" (IĴ 3/92, p. 9 - 10), mi ĝustigis la erarajn difinojn de *tipografio* kaj aliaj presartaj terminoj registritaj en *Plena Pekoteko 85-90* kompilita de Rüdiger Eichholz. Aldone al tiuj redifinitaj terminoj, mi deziras nun pritrakti ankoraŭ unu fakvorton, *poligrafio*.**

Evidentigas ĝian gravecon anoncoj aperigitaj en la 1970-aj kaj 1980-aj jaroj de rusa fakulo, Nikolaj Starodubcev, kiu petis helpon por sia kompilado de poligrafia vortaro temanta pri tipografio, presarto kaj eldonaferoj.

**La plej frua registrado en Esperantaj vortaroj**

Vane oni serĉas la radikon *poligraf-* en internaciaj leksikografiaj konsultlibroj pri Esperanto. Ĝi mankas en *Plena Ilustrita Vortaro* kaj *Suplemento* (PIVS, 1970 kaj 1987), *Esperanta Bildvortaro* (EB, 1989) kaj *Per-komputora terminokolekto* (Pekoteko, 1992). Tamen, ĝi estas tre malnova „neologismo", kaj estis registrita en pluraj etnolingvaj Esperanto-vortaroj kiel la ekvivalento de samdevenaj vortoj en tiuj lingvoj. Cetere, estas eble spuri la historion de *poligrafio* en vortaroj ĝis la frua jaro 1908!

En sia angla-Esperanta vortaro publikigita en 1908, Joseph Rhodes registras la anglajn vortojn polygraph kaj polygraphy. La unua havas du sencojn: 1. multkopiilo (speco de multobliganta aparato); 2. poligrafiisto (verkisto, kiu multon skribas). *Poligrafio*, do, signifas multobligadon kaj ankaŭ multan verkadon. Post Rhodes, la sekva esperantista leksikografo, kiu registris *poligrafio*, estis Émil Boirac en sia Plena Vortaro (1909 - 1910). Li difinas ĝin kiel „traktato pri diversaj temoj" kaj glosas ĝin per la franca vorto polygraphie. Boirac inkludas ankaŭ la pluformitan formon *poligrafiisto*, sed ne la duan signifon – multkopiado aŭ multobligado –, kiun Rhodes registris.

En la sekvaj jardekoj kaj anglaj kaj francaj kompilantoj de Esperanto-vortaroj ignoris la radikon *poligraf-*, sed ĝi ofte aperis en aliaj etnolingvaj Esperanto-vortaroj kaj estis uzata de aŭtoroj havantaj diversajn naciajn lingvojn. La sekvaj difinoj kun apogantaj citaĵoj montras, ke la radiko havas eĉ pli da signifoj ol Rhodes kaj Boirac registris. Efektive, *poligraf-* okulfrape ilustras la fenomenon de polisemio aŭ plursenceco. Ĉiuj difinoj baziĝas sur la signifoj de du helendevenaj morfemoj: poly (mult-) kaj graph (skrib-). Tiel, en la helena lingvo polygraphos estas persono, kiu multe skribas, t. e. verkas.

**1. Multeverkanta homo.** La sekva frazo venas el letero de brazila esperantisto.

„... mi sendas al vi miajn plej bonajn dezirojn pro fekunda laboro de la poligrafo Bernard Golden."

**2. Plurĝenra verko.** Laŭ M. C. Butler en siaj *Klasifoj de Esperantaj temoj* (1950), poligrafio estas verko enhavanta plurajn ĝenrojn. Ekzemploj de tiaj literaturaj miksaĵoj estas jen unuaŭtoraj kiel *Originala Verkaro* de d-ro Zamenhof jen pluraŭtoraj kiel *Fundamenta Krestomatio*. Se temas pri pli simpla, unuĝenra verko, la uzata vorto estas *monografio* (studo, priskribo de unu objekto, speco, persono, regiono).

**3. Universala sekreta skribsistemo por skribi ĉiujn lingvojn.** Kelkaj fruaj projektoj de universalaj skemoj por interkomunikado havas la nomon poligrafio, kiel ilustras jenaj du citaĵoj el *Historio de la Mondolingvo* (1931) de Ernest Drezen.

a. „La libro enhavas kvinlingvan vortaron (latinan, italan, francan, hispanan kaj germanan) por traduko el tiuj lingvoj en la poligrafiajn signojn de Kircher kaj renverse."

„En la j. 1801 tradukisto de la Nacia biblioteko en Paris Z. Hourwitz aperas kun originalspeca projekto de skriba lingvo-poligrafio."

La senco estas, ke sekreta poligrafia lingvo estas la rimedo aŭ ŝlosilo por kompreni multajn skribaĵojn, t. e. aliajn lingvojn. Petro Stojan en sia *Bibliografio de Internacia Lingvo* (1929) nomas la aŭtorojn de tiuj sistemoj poligrafoj.

**4. Kopiado aŭ multobligado.** Poligrafio estas uzata ankaŭ kiel ĝenerala termino por diversaj metodoj

kopii aŭ multobligi tekstojn per speciala aparato nomata poligrafo. Ankoraŭ du citaĵoj el la menciita verko de Ernest Drezen atestas, ke ankaŭ en 1931 poligrafio havis tiun signifon.

1. „Poligrafiitaj nacie-propagandaj bultenoj de Occidental estis eldonitaj en Anglio, Francio, Svisio kaj Ĉeĥoslovakio.“

b. „,... poligrafiita broŝureto eldonita de Occidental-Buro ...“

Ĉar ekzistas pluraj teknikoj de multobligado aŭ kopiado, ne estas eble scii precize, pri kiu procedo aludas la citaĵoj. En *Vocabolario Itala-Esperanto* (1981) la itala verbo poligrafare estas tradukita en Esperanto per *hektografi*, kaj la Esperanta ekvivalento de la aparato *poligrafo* estas *hektografo*. La sama vortaro registras kiel ekvivalentojn de poligrafia kaj poligrafico la Esperantajn vortojn *poligrafio* kaj *poligrafia*.

**5. Tipografio.** La plej ofta aktuala uzo de poligrafio estas kiel sinonimo de tipografio.

a. „Poligrafia Centro de Pola Esperanto-Asocio en Bydgoszcs presas ĉiun duan jaron po tri mil ekzemplerojn de siaj eldonaĵoj“ (*Esperanto*, 1984).

b. „Tiurilate necesas plibonigo de la preseldonoj de BEA – laŭ enhavo kaj poligrafia aranĝo “(*Bu[illegible]ra Esperantisto*, 1988).

c. „Al UEA venis nova libro el Litovio kun pardonpeta letero pri la malbona poligrafia nivelo.“ (*Starto*, 1991).

ĉ. [la revuo] „ne sukcesos sen la propra poligrafia bazo“ (*Ukraina Stelo*, 1994).

Rimarku, ke tri el la kvar citaĵoj rilatas al presarto en slavlingvaj landoj, kaj la kunteksto klare indikas, ke temas pri presarto. Komparado de registraĵoj en vortaroj de la du sinonimoj *poligrafio* kaj *tipografio* indikas, ke en Orienteŭropo dominas *poligrafio* dum en la lingvoj de Okcidenteŭropo *tipografio* estas uzata ekskluzive. Estas konkludeble, ke *poligrafio* en Esperantaj tekstoj venantaj el Oriteneŭropo estas la rezulto de etnolingva influo.

En letero de la jaro 1984, Nikolaj Starodubcev, la kompilanto de la vortaro pri poligrafio, donas tro limigitan difinon de tipografio: „presado per tipografiaj literoj (matricoj ktp.)“, do same kiel la difino de Eichholz en *Plena Pekoteko 85-90*, ĝi ampleksas nur parton de la tuto de presarto, kiu inkludas aliajn teknikojn. La rusa vortaristo preferas la terminon *poligrafio*, kiun li difinas jene: „branĉo de tekniko kuniganta diversajn metodojn de presa multobligado de tekstoj, ilustraĵoj ktp. kaj ankaŭ la tuto de teknikaj rimedoj por tion efektivigi.“

**6. Fiziologia ekzamen-aparato.** La sekva citaĵo montras, ke *poligrafo* havas signifon, kiu tute ne rilatas al verkado, multobligado aŭ presarto.

„La diagnozo ofte dependas ne nur de la kuracista kaj laboratoria laboro, sed aldone de dedektiva esploro kun poligrafo (mensog-malkaŝilo) ... “ (*Monato*, 1986).

En tiu ĉi kunteksto poligrafo estas ĝenerala termino por ekzamenaparatoj uzataj en la medicino kaj ankaŭ en la kriminalistiko. Ili funkcias per simultana mezurado de variaĵoj de fiziologiaj pulsadoj (pulso, spirado, sangopremo k. s.), kaj grafike registras la donitaĵojn. La principoj estis disvolvitaj de la franca fiziologo Étienne Jules Marey (1830 - 1904). En 1921 John L. Larson el Usono adaptis la medicinan poligrafon por uzo de la polico okaze de pridemandado, ĉar ĝi registras fiziologiajn reagojn, kiuj ne estas facile regeblaj kaj varias laŭ la emocia stato de suspektato, kiam li mensogas. Sinonimo uzata en kriminalistikaj kuntekstoj estas *mensog-malkaŝilo*. Rimarku, ke la termino *poligrafo* mankas en *Esperanta Medicina Terminaro* (1979) kaj *Malgranda Medicina Vortaro* (1985).

La senco de la du helenaj morfemoj estas konservita en la nomo de tiu ĉi aparato, ĉar ĝi samtempe skribas la rezultojn de pluraj fiziologiaj mezuroj.

**Konkludo**

Estas evidente, ke la plej granda malavantaĝo de la radiko *poligraf-* estas ĝia polisemio, do ĝi ne estas konvena por uzo en internacia planlingvo. Ĉiam estas bezonata klara kunteksto por indiki la precizan sencon.

Mi faras la sekvajn rekomendojn por la nova eldono de PIV, kiu nun estas reviziata, kaj ankaŭ por Pekoteko. La radiko *poligraf-* estu registrita en ambaŭ vortaroj kun klarigo pri ĝia polisemia karaktero kaj kun adekvataj difinoj de la ses uzoj pritraktitaj ĉi-supre. Cetere, estu averto ke al *poligrafio* mankas la internacieco de *tipografio*, ĉar ĝi estas uzata nur fare de orienteŭropanoj.

En Pekoteko ĉe 88/327 la termino „relief-tip/ar/a presado“ anstataŭu la terminon „tipografika presado / tipografiko“, kaj estu aldonita al Pekoteko kaj ankaŭ al la reviziata PIV la termino „tipografio“ kun jena difino:

TIPOGRAFIO – la arto de presado, kiu ampleksas la planadon, desegnadon kaj elekton de literformoj, aperantaj kiel presita teksto sur paĝo, kaj inkludas ankaŭ la elekton de papero, inko kaj presmetodo, kaj, se la produktaĵo estas libro, la planadon de aranĝo de tekstoj sur paĝoj kaj la formon de bindaĵo.

Bernard GOLDEN

---

# LETEROJ

*Skribu al:*

***Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio***

## Ĉu gravas, el kiu lingvo?

**Ionel ONET, Usono, reagas al IĴ 4/49:**

Interesaj la du materialoj pri video en IĴ 4/49. Por vidi kiu pravas (se iu) mi tuj alkuris miajn vortarojn, nur por konfuziĝi eĉ pli. Unue mi prenis mian rumanan vortaron (la rumana estas mia unua lingvo), laŭ kiu video devenas el la latina *video* „mi vidas“. Poste mi elbretigis la francan vortaron (la franca estis la unua fremda lingvo, kiun mi lernis), nur por konstati ke la difino

de video estas identa kun tiu en la rumana vortaro. Nur la (uson)angla vortaro (la angla estis la dua fremda lingvo, kiun mi lernis), indikas kiel devenon de la vorto video la latinan kaj italan *videre* „vidi".

Do, du kontraŭ unu. Sed temas nur pri tri lingvoj (kaj tio ne multe gravas). Eĉ pli multe gravas la fakto ke la elemento video estas ja sufiĉe internacia, kaj ni devas akcepti ĝin plenrajte ankaŭ en Esperanto. Ĉu fakte gravas ĉu ĝi eniras/is Esperanton el la angla, franca aŭ germana? Ĝi ja estas latindevena kaj prae hindeŭropa radiko.

# 80 jaroj de drameca sorto

**_Litova Stelo_ unuafoje ekbrilis en 1914 kaj tuj malaperis. Tio okazis eĉ ne en Litovio, sed en najbara Latvio. Intertempe uraganis du mondmilitoj kaj la unua numero de la revuo pereis en iliaj flamoj.**

Ni ne sukcesis trovi ĝin en Litovio nek en Latvio nek en Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno. Ke ĝi aperis en urbo Liepaja, tiam nomata Libava, situanta en Latvio, atestas la reviviĝinta en 1992 *Litova Stelo* en n-ro 5. Tie eminenta litova esperantisto Stasys Tijunaitis skribas, ke la 18an de marto 1914 li ricevis poŝtkarton de Salomon Joffe el la supre nomita urbo kun peto traduki en litovan lingvon kelkajn artikolojn pri la internacia lingvo por planata propaganda revuo. Li tion faris kaj en majo de la sama jaro ricevis 8paĝan litovlingvan revuon kun jena kovrila titolo en Esperanto:

Litova Stelo

**Propaganda eldono por disvastigo de internacia lingvo „Esperanto" inter litovoj.**

**1 Ni laboru kaj esperu! 1914**

Li baldaŭ preparis kaj sendis materialon ankaŭ por la dua numero, sed ĉu tiu aperis, li jam ne scias, ĉar „kolektiĝis densaj nubegoj sur



Floroj de aŭtuno

la ĉielo de Eŭropo kaj eksplodis terurega tondro – la mondmilito".

**Denove 1a numero**

Al kreita la 10an de decembro 1919 Litova Esperanto-Asocio S. Tijunaitis proponis eldoni revuon kun la sama nomo, kies ree unua numero aperis en 1922 en tiama provizora ĉefurbo Kaunas. Ĝin redaktis eminenta litova verkisto, katolika prelato Aleksandras Dambrauskas (1860 - 1938), kiu en Esperanto-eldonaĵoj subskribadis A. Dombrovski. Ĝis 1926 aperis 43 numeroj, gazetformaj, 8paĝaj, ilustritaj. Tio estis la dua periodo de *Litova Stelo*. En 1926 ĝia aperado subite ĉesis sen ajna klarigo. „Enciklopedio de Esperanto" (p. 352, eldono de 1934) skribas, ke tio okazis pro ĉeso de registara subvencio. Supozeble tio estis la reala kaŭzo, ĉar tiujare litova kristandemokrata partio malvenkis en parlamenta elektado, kaj A. Dambrauskas estis grava aganto de tiu partio.

LS reaperis en 1935 ankoraŭfoje sub n-ro 1, en 16paĝa revuformo, ĉiun duan monaton. En la enkonduko la redakcio skribas: „Jen antaŭ Viaj okuloj modesta gasto, renovigita »Litova Stelo«, kiun Vi jam de longe sopiris kaj atendis ... Jam kelkajn jarojn »Litova Stelo« Vin ne vizitadis, kaj Vi, sendube, rimarkis kaj konvinkiĝis, ke sen ĝi Esperanto-movado en tuta Litovujo preskaŭ ĉesis, malgraŭ tio, ke en ek-sterlando tiu movado faris tre grandan progreson."

Nek unu vorto pri ĝia antaŭulo, pri la du periodoj, pri kaŭzoj de ĉesigo en 1926. Kiel eldonanto estis indikita Litova Esperanto-Asocio, kiel respondeca redaktoro Vladas Butkevičius (instruisto en Kaunas, 1897 - 1963). En n-ro 2 de 1937 aperis dankesprimo al la „revivigintoj" de *Litova Stelo*: redaktoro V. Butkevičius kaj fakta redaktoro Balys Giedra kun iliaj portretoj. B. Giedra (1897 - 1953), inspektoro pri impostoj, tiam loĝis en Marijampole, en 1941 estis ekzilita al Siberio kaj tie mortis en sovetia prizono.

**Makulaturo**

Depost 2a numero de 1937 ĝis 1/2 de 1940 redaktis la revuon Petras Lapiene (1904 - 1943), instruisto loĝinta en Kaunas. La 3a numero de 1940 estis jam kompostita, sed laŭ ordono de sovetia reĝimo samtempe kun aliaj periodaĵoj de Litovio trafis al makulaturo.

*Litova Stelo* rebrilis nur en 1991, post reakiro de sendependeco de Litovio, komencinta sian kvaran vivoperiodon. En 1994 aperis ĝia 100a numero. Riĉe ilustrita, aperanta ĉiun duan monaton pli-malpli regule en 32paĝaj kajeroj, ĝi pretendas esti unu el plej solidaj nuntempaj naciaj Esperanto-revuoj. La redakcio relative ofte ricevas laŭdojn pro bona lingvaĵo kaj interesa enhavo.

Ni tre dankus, se iu trovus kaj sendus al ni almenaŭ kopion de la unua *Litova Stelo* laŭ la adreso: Litova Stelo, p. d. 178, LT-2000 Vilnius, Litovio.

Adomas VAITILAVIČIUS

**redaktoro de _Litova Stelo_ en la 4a periodo.**